## Redaktora babilo

La jena, dua postkongresa, numero enhavas protokolon de la kremsa plenkunsido kaj resumon de la jarraportoj pri 1993 de la landaj asocioj. Ĉijare tiu resumo ne estis voĉlegata dum la kongreso. Do nun estas ebleco profunde studi ĝin.

Multa materialo atendas publikigon. Antaŭaj alvokoj pri artikoloj kaj noticoj vere donis rezulton. Mi pardonpetas al tiuj, kiuj ŝvite verkis kaj povos legi sian verkaĵon nur en venonta numero, dum la aŭtunaj ŝtormoj forŝiras la lastajn foliojn de la arboj. Sed koran dankon pro ĉia alsendita materialo.

Laŭtradicie la aŭtuno estas tempo por jarkunvenoj. Aranĝantoj bonvolu prizorgi, ke raporteto esti sendata al la redakcio plejeble baldaŭ post la okazaĵo. Krome nun estas la sezono de klubaj aktivecoj, (fak) literatur-legado kaj altigo de sia lingva nivelo. Interesa iniciato ekzistas en Francio, kie niaj kolegoj pristudas eblecojn por televidelsendoj pri Esperanto! Modernajn metodojn ni ja devas provi.

Red

## Kiel utiligi alilandajn monerojn

Ŝanĝi valutojn estas farebla, sed monerojn oni ĝenerale ne povas ŝanĝi. Post ĉiuj kongresoj, multaj el ni konservas alilandajn monerojn, tute ne utilajn, dum jaroj.

Kelkaj el ni projektis akiri la monerojn de la partoprenintoj, kiam ili eliras la kongreslandon. Sed tio ne estas facila afero, ĉar ĝenerale la vojaĝantoj bezonas sian monon ĝis la limo. Nur unu fojon, kelkaj el ni sukcesis doni ion al akompananto, en Turku, kiam ni adiaŭis, sed ĵus antaŭ enŝipiĝo.

Do jen nia propono:

Unue: ĉiu el vi, kiam vi partoprenos venontan IFEF-kongreson, kunportu viajn alilandajn monerojn.

Due: En ĉiu asocio, elektu responsulon, kiu kolektos la monerojn de sia lando.

Trie: Bonvolu pripensi, kiu profitu je la sumoj: iu faka komisiono, aŭ junulara fonduso, aŭ laŭbezone, alia afero, ĉar kompreneble ni rajtas scii kiel oni uzos nian monon.

Memoru, ke ni estas pluraj centoj, kaj ke eĉ tre malgrandaj sumoj faras grandan sumon.

Georges MEILHAC

***Noto de la IFEF-kasisto:*** La proponon de kolego Meilhac mi forte subtenas. Ni komencu dum la 47a IFK en Pécs. Kunportu la por vi neutilajn monerojn kaj donu ilin al mi (mi eĉ ne rifuzos monbiletojn!) La IFEF-fondusoj profitos!

---

**Frontpaĝo:** Tabulo apud la arbo, kiun plantis partoprenantoj de la 46a IFK dum la tuttaga ekskurso al Mariazell.

## Enhavo:




# 47a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

20a-26a de majo 1995 PÉCS, Hungario

Adreso: 47a Kongreso de IFEF, Pf 7, H-1378 BUDAPEST

Bankkonto: UNICBANK-Budapest, UBRTHUHB-0100-090023-01, 47a IFEF-kongreso

Poŝtkonto: ne ekzistas, uzu tiujn de la IFEF-kasisto

En IF n-ro 4, paĝo 57, ni donis la unuajn informojn pri la 47a IFK, i a pri la kongresurbo Pécs [elparolu Pe·ĉ, kun longa ne-esperanta, fermita 'e'!], kaj pri maniero pagi kongreskotizon.

Jen io pri la ekskursoj kaj pri la postkongreso, prenitaj el la invitilo, kiun ellaboris LKK:

**Duontaga ekskurso,** kiu okazos lunde la 22an de majo, kondukos nin al:

**Mecseknádasd**
Situas en la pordego de la montaro MECSEK. Pro la ĉirkaŭaĵo kaj valoraj historiaj artobjektoj ĝi estas favorata ekskursloko. La plimulto de la loĝantaro estas germana, sed post la dua mondmilito ankaŭ hungaroj el Slovakio kaj el Rumanio estis translokigitaj.

La ĉefa metio, pri kiu famas la vilaĝo estas la produktado de argilaĵoj, kio estas vizitebla en la metiejoj. Belaj teleroj, kruĉetoj, vazoj estas aĉeteblaj surloke.

Iom pri la jubilea historia interesaĵo de la vilaĝo.

En la regiono filo de la rifuĝinta angla reĝo Eduardo en la 11a jarcento edzinigis la filinon de la unua hungara reĝo Sankta Stefano (kiu ricevis sian kronon de la papo Silvestro). El la geedziĝo naskiĝis Margareta kiu edziniĝis al la skota reĝo Malkom. Ŝi mortis en la jaro 1093 en Skotlando. Post 150 jaroj ŝi iĝis sanktulino, kiun oni estimas eĉ nun kaj en Skotlando kaj en Hungario.

La duflanka estimo al Sankta Margareta kreis amikajn personajn kontaktojn inter episkopoj kaj fideluloj de Edinburgo kaj Pécs okaze de la 900jara datreveno. Mecseknádasd fieras pri tio.

**Óbánya**
Signifas "malnova minejo", estis vilaĝo kun kvarcominejo. Nuntempe la germandevena loĝantaro okuoiĝas pri argilmetio kaj lignoskulptado.

Multaj turistoj vizitas la malgrandan sed bele vivantan vilaĝon, kiu ofertas ankaŭ malgrandan banejon.

**Tuttaga ekskurso,** merkrede la 24an de majo.

**Máriagyűd**
Proksimiĝante al la urbo Siklós ni ekvidas la duturan preĝejon de la ŝatata pilgrimejo Máriagyűd. La preĝejo deveninta el la 18a jarcento altiras milojn da kreduloj por admiri la Sanktan Dipatrinon kaj helpe de ŝi regajni sanon.

Malantaŭ la preĝejo vojo kondukas al la montosupro, de kie oni povas ĝui pitoreskan panoramon: sude la riveron DRAVA, norde la montaron MECSEK.

**Siklós**
Post kelkminuta veturado ni jam povas elbusiĝi antaŭ la fortikaĵo de la urbo Siklós. Ĝi estas unu el la bonstataj artobjektoj de la regiono konstruita en la 14-15aj jarcentoj. Vera belaĵo estas ĝia gotika kapelo. La iama kavalira salono nun estas muzeo.

Hotelo, restoracio, kafejo de la fortikaĵo servos por turistoj kaj konferencanoj.

Ĉe la enirejo estas trovebla tabulo kun la historio de la fortikaĵo en Esperanto.

**Villány**
La loko estas jam konata ekde la romia epoko kiel centro de vinprodukta regiono. En ĝia vinmuzeo skribaj kaj objektaj antikvaĵoj atestas pri tiu ĉi epoko. Multaj iloj prezentas la metodon de la tradicia vinproduktado.

Vingustumado estas enprogramita, eĉ vinspecialaĵoj aĉeteblas tie.

**Mohács**
La urbo estas nomata "suda pordego" de la rivero Duna (Danubo). Mohács ofertas viziti siajn muzeojn, preĝejojn. La ĉefa preĝejo de la urbo estas por memori la funebran batalon kontraŭ la turka armeo. Proksime al Mohács estas la batalkampo, kie ekde la jaro 1526 polviĝas multegaj soldatoj en kvin amastombejoj en la vasta memorloko kun sia animskua etoso.

## Postkongreso, 27a-29a de majo, necesas aparta aliĝilo.

La postkongreso **estas** alloga, ja ĝi prezentos multkoloran kulturprogramon. Ekveturante perbuse el la kongresa urbo plezurigos nin la pitoreska pejzaĝo tra montoj-valoj ĝis kiam ni atingos ebenaĵon. Dumvoje ĉe la urbo Dunaföldvár ni transveturos la riveron Danubo kaj movigos niajn rigidiĝintajn membrojn dum vizito al kelkaj artoobjektoj el la 18a jarcento. Poste ni daŭrigos la veturadon al la urbo Kecskemét preterpasante malnovajn hungarecajn farmojn kaj baskulputojn.

Kecskemét estas la "ĉefurbo" de la departemento Bács-Kiskun kaj centro de la Nacia Parko Kiskunság. La urbocentro ravigos nin per siaj artoobjektoj: romantikstila islamarta konstruaĵo kun persa kupolo, "Cifrapalota" multkolora troornamita palaco, Nova Kolegio kun artaj objektoj, multaj konstruaĵoj el la 14-19aj jarcentoj.

En la regiono de Kecskemét ni ekskursos al la "puszta" (stepo) Bugac, kiu prezentas abundan kaj kuriozan vidindaĵon: pasanta aŭ surazene rajdanta ŝafisto vestita en gatjo, movriĉa ĉevalaro, etnografia muzeo kun kolektaĵo de pratempaj tendoj, fajrujoj, iloj de praa bredado, ĉevalparado, speciala tagmanĝo en ĉardo kun vino ktp.

Ni partoprenos la nuptofeston de la Ciganprinco Lacso en lia cigankampadejo. Unu el ni estos distingita "honora Ciganprinco".

Post la dutaga programo sur la Granda Ebenaĵo ni veturos al Visegrád. Dumvoje ni rondveturos en la ĉefurbo Budapest: 11jara Orienta Stacidomo, Placo de Herooj, Urba Parko. Ni traveturos la avenuon Andrássy plezuriĝante dumvoje pri luksaj, artaj konstruaĵoj, la iama loĝdomo de la fama muzikpedagogo Zoltán Kodály, Generaldirekcio de MÁV, Operejo, Baleda Instituto ktp. Ni traveturos la unuan ŝtonponton "Ĉenponto" inter Pest kaj Buda, kaj ni suprengrimpos al la Fortikaĵmonto, fortikaĵkvartalo: Reĝa Palaco, Kronada Preĝejo Matias, Fiŝkaptista Bastiono kun belega panoramo al la ĉefurbo. Ni preterveturos la ruinojn de la kolonio de romana imperio "Aquincum", kaj baldaŭ ni atingos la praurbeton SZENTENDRE. Dum la 15a kaj la 18a jarcentoj multaj serboj rifuĝis ĉi tien alportinte sian kulturon: grekortodoksa episkopejo, katedralo, 16 preĝejoj, mezepokaj loĝdomoj, muzeo de ceramikaĵoj, etnografia muzeo plezurigos la okulojn. Laste ni atingos la urbeton VISEGRÁD, kiu estas unu el la plej riĉaj, luksaj ripoz- kaj ekskurslokoj de la lando. Ĝi situas en la plej bela pejzaĝo de la lando: kurbiĝanta rivero Danubo, montaro kun arbaroj ktp. Visegrád estas iama reĝa rezidejo de Hungario. Ravigos nin la ruinoj de la fortikaĵo el la 13a jarcento, postrestaĵoj de la reĝa palaco el la 14a jarcento, la turo Salamon el la 13a jarcento, Akropolo, Muzeo Reĝo Matiaso origine reĝa ĉaskastelo.

Do la postkongresa programo estos abunde riĉa kaj varia. Ne hezitu rapide aliĝi por ne perdi la eblecon de la partopreno, ja la nombro de la partoprenantoj estas limigita. ■

---

ANTaŭKOngresa RENdevuo okazos en Vieno 18.-20.51995. Franz Scharf, Postfach 194, A-3101 St.Pölten.
Pliaj informoj venontnumere.

## Protokolo de la kunsido estraro - komitato (publika)

**en la 46a IFEF-kongreso en Krems a.d.Donau (A) - 17.05.1994**

**Mallongigoj:**
Pr = prezidanto, Vp = vicpr, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, Ĉk = ĉefk-ano, kk-ano = kromk-ano,
k-go = kolego, l.s. = landa sekcio, l.a. = landa asocio (aŭtomobilkodoj).

Vp Gulyás bonvenigas kaj dankas la multajn ĉeestantojn.

1. **Malfermo, konstato mandatoj**
La Sk alvokas la rajtigitojn.

| Landoj | | Komitatanoj |
|---|---|---|
| Aŭstrio | (A) | Leopold PATEK |
| Belgio | (B) | Lucien DE SUTTER |
| Britio | (GB) | Frank CURTIS |
| Bulgario | (BG) | Petranka CENKOVA LALOVA |
| Ĉeĥio | (CZ) | Jindrich TOMIŠEK |
| Danio | (DK) | Erna HAUGE |
| Francio | (F) | Pierre ROBIOLLE |
| | | Jean ROLLAND |
| Germanio | (D) | Joachim GIESSNER |
| | | Otto RÖSEMANN |
| | | Horst JASMANN |
| Hispanio | (E) | - |
| Hungario | (H) | Jozsef HALÁSZ |
| Italio | (I) | Germano GIMELLI |
| Jugoslavio | (YU) | - |
| Kroatio | (HR) | Marica BRLETIĆ |
| Nederlando | (NL) | Jan BULTMAN |
| Norvegio | (N) | Rolf BERGH |
| Pollando | (PL) | Maria FEDOROWICZ |
| Rumanio | (RO) | Mihai STEFAN |
| Slovakio | (SK) | Magdalena FEIFIČOVÁ |
| Slovenio | (SLO) | Jovan MIRKOVIĆ |
| Svislando | (CH) | Ernst GLÄTTLI |

| Taskoj | Kromkomitatanoj |
|---|---|
| F.K. | - |

Ĉeestas 21 k-anoj/kk-anoj voĉdonrajtaj.

2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**
La Sk legas la kernojn kaj la nomojn de sendintoj de bondeziraj kaj salutleteroj: d-ro Imre PETHES (H), Pr de MEM; d-ro Imre FERENCZY (H), Pr de UMEA; ges-roj Lene kaj Jan NIEMANN (DK); s-ro János PATAY (H).

3. **Honorigo al la mortintoj**
La Sk legas la nomojn de niaj mortintoj dum 1993 (kaj komence de 1994). Oni honoras ilin per unuminuta silenta starigado. Ke ili ripozu pace:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Belgio: | Remy VERSTYFT | | | |
| | Florent DE NORRE | | | |
| Danio: | Gunnar THUESEN | 66 | (94.03.07) | (iama Gv FK) |
| Estonio: | Johannes PALU | 80 | (93.06.26) | |
| Francio: | Jean CHATELAIN | 65 | | |
| | Louis SAULNIER | 82 | (93.10. ) | |
| | Larbi BRAIK | 79 | (93.11.11) | |
| | Colette BAUCHERT | 96 | (94.01.21) | |
| | Maurice MERGER | 70 | (94.01. ) | |
| | Gilbert GERARD | 75 | (94.02.06) | |
| | Paul ROSSET | 72 | (94.03. ) | |
| | Jacques MANCEAU | 82 | (94.04.14) | |
| | Marguerite AUDE | 74 | (94.04.24) | |
| Germanio: | Hanna SCHINDLER | 64 | (93.06.29) | |
| Hungario: | Pál KRISTEK | 73 | (93.12.26) | |
| Italio: | Giulio CATENA | 96 | (94.01.05) | iama IFEA-Ks |

4. **Raportoj estraraj**
 4.1 **Sekretario** (IF 2/94, paĝoj 22-24a)
 Unuanime aprobita.
 4.2 **Redaktoro** (IF 2/94, paĝo 24a)
 Unuanime aprobita. La ĉk gratulas al Rd kaj al Erna Hauge.
 4.3 **Kasisto, konfirmo de kasraporto** (IF 2/94, paĝo 25a)
 Unuanime aprobita.

5. **Protokolo Cervia (IF 5/93, paĝoj 68-72a)**
Unuanime aprobita.

6. **Elekto de ĉefkomitatano kaj anstataŭanto**
Unuanime aprobita la elekto de s-roj Lucien DE SUTTER kaj Jan BULTMAN, por la periodo 1994-1996.

7. **Konfirmo elektoj de la faka komisiono**
Unuanime aprobita la elekto de la funkciuloj de la FK, t.e. resp.: Gv, d-ro J. HALÁSZ; Sk TS, d-ro H. HOFFMANN; Sk FAS, Ing. L. KOVÁŘ; Rd TeKu, s-ro H. D. HARTIG, por la periodo 1994-1996.

8. **Kongresproponoj (IF 1/94, paĝo 5a)**
**Propono n-ro 1** (Statutadapto).
La teksto jam ricevis la lastajn korektojn. La k-o aprobas ĝin, kun 1 sindeteno.

**Propono n-ro 2** (Instigaĵo por aperigo de klarigoj en horarlibroj).
La Sk legas malneton de fakso. Oni stile plibonigas ĝin. Oni decidas sendi leteron anstataŭ fakson, en tri lingvoj, du oficialaj ĉe UIC t.e.: la franca kaj la germana, krom Esperanto. Aldoniĝos la listo de la IFEF-I.a. kaj la adresaro de la fervojoj. Oni ankaŭ decidas sendi dankleteron al la fervojoj, kiuj jam uzas klarigojn en E-o.

**9. Raporto ĉefkomitatano**

Ĉk De Sutter raportas pri la pasinta agadperiodo. Li povas rimarki ke preskaŭ ĉiuj l.a. respondis al la cirkulero. Li partoprenis en du estrarkunvenoj: Braŝov (BG), Krems (A) kaj en la GEFA jarkunveno en Titisee (D). Li ofte kaj bonorde havis rilatojn kaj korespondis kun la e-o kaj kun la k-anoj. Raporto unuanime aprobita.

**10. Raportoj faka komisiono (FK)**

**10.1 Gvidanto**

D-ro Halász detale donas informojn kaj klarigojn pri la faka agado, ĉefe pri la nunaj taskoj, t.e. tradukado kaj reviziado de la novaj terminoj en LG V, kunlabore kun UIC, cele eldoni NV-jn, kompili AV-n, eble estonte DV-n, por taŭga aplikado de E-o en la fervoja fako. Raporto unuanime aprobita.

**10.2 Ŝekretario fake aplika sekcio**

Manke de Inĝ. Kovář, la Gv raportas pri la agado de la sekcio, kiu sukcesis aperigi la n-ron 3 de "Fervojfakaj Kajeroj", danke al la senlaca laboro de inĝ. Kovář kaj de s-ino Erna Hauge. Raporto unuanime aprobita.

**10.3 Sekretario terminara sekcio**

D-ro Hoffmann raportas pri la tradukado de 781 novaj terminoj en la datenbanko "RailLex" de UIC: per tiu laboro en septembro aperos deklingva diskedo kun la E-o-varianto. Estas preta S-NV el UIC-terminaro. I deziras eldoni la terminojn de LG V; post nelonge pretos RO kaj SK. IFEF povas kunlabori kun UIC ankaŭ per tradukoj kaj proponoj de nociokompleksoj, montrante laborkapablon kaj profesian scion. Inter la du kongresoj aperis 6 n-roj de TeKu, tre gravaj por la laborkunligo.
Raporto unuanime aprobita.

**11. Komisiitoj**

**11.1 Skisemajno (IFES) 1994 (IF 2/94, paĝo 27a)**

Nome de la komisiito Jan Niemann, s-ino Astrid BIRKBAK informas pri la sukcesinta lasta 35a IFES en Poiana Braŝov (RO).
Raporto unuanime aprobita.

**11.2 Fervoja Koresponda Servo 1993 (IF 2/94, paĝo 25a)**

La komisiito G.Gimelli informas pri granda nombro de leteroj (65 el 20 landoj) kaj de korespondemuloj, kies adresoj tamen eble iom malaktualiĝas pro rapidaj ŝanĝoj en kelkaj landoj. La HPr Giessner gratulas.
Raporto unuanime aprobita.

**11.3 Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA**

Vp Gulyás raportas pri la 78a UK Valencia (E) kie estis organizita faka kunveno kun sufiĉe grandnombra partopreno (35 homoj el 14 landoj, nur 2 hispanoj) kun 2 prelegoj (Ferenczy, Gulyás). Li raportis pri Cervia.
Ĉeestis d-ro J. Wells, kiu alparolis la ĉeestantojn emfazante la fervojan agadon, sed UEA ne havas respondeculon pri faka agado kaj li ankoraŭ ne respondis al la petoj de la Vp pri bona faka kunordigado.
La Vp informas ankaŭ pri la kunveno dum la UK Seulo, kiu okazos marde la 26.07 je la 10,00h.
Raporto unuanime aprobita.

**12. Resumo jarraportoj 1993 el la landaj asocioj**

Vp Gulyás detale kaj amplekse resumas la situaciojn kaj la agadojn de la l.a. Li tamen denove devas substreki pri la danĝeroj. Necesas agi por ĉesigi la malkreskon kaj por venigi junulojn. Tamen ne mankas esperigaj faktoj en kelkaj landoj. La resumo aperos en IF.
Raporto unuanime aprobita.

**13. Analizo nuna situacio en kelkaj landoj**

Vp Gulyás tuŝas la plej tiklajn situaciojn:

- Estonio: estas gravaj malfacilaĵoj, ĉefe ekonomiaj kaj politikaj;
- Britio: restas 14 membroj, 78% emeritaj; necesas nova estraro; eĉ la FISAIC-sekcio ne funkcias;
- Bulgario: de 2 jaroj ne venas jarraporto; nun estas nova estraro;
- Finnlando: neniu ĉeestas en Krems, sed la fervojistoj laboros por Tampere 95; espereble ke venos reviglíĝo;
- Koreio: post la seulaj kontaktoj, estas esperoj por fondo de fervojista organizo.

Raporto unuanime aprobita.

**14. Budĝeto 1995 kaj kotizkonfirmo**

La Ks montras al la budĝeto 1995 jam disdonita al ĉiuj k-anoj, kaj mencias pri la ne kontentiga ekonomia situacio en kelkaj landoj, kiujn iel helpas la "adopta fonduso"; en ĝi forte kontribuis s-ro Heinz Schindler. Ks Hauge faras novan proponon pri la neuzitaj neŝanĝeblaj moneroj: oni povas kolekti kaj ŝanĝi ilin por la fonduso.

Budĝeto unuanime aprobita.

**15. Rilatoj al aliaj organizoj**

**15.1 UEA**

La Vp pritraktas temon jam tuŝitan en la nepublika kunsido kaj en la raporto pri Komitatano "A", t.e. ke UEA praktike neglektas nian fakan agadon. Ĉe UEA estas respondeculo por la landaj asocioj sed ne plu por la fakaj. Pri prof. Wells li jam diris, ke ne venis respondo.

La tikla temo instigas debaton. Ges-roj Giessner, Chrdle, De Bruyne, Kruse, Horst-Kolinska, Bergh, Boschin, Pettyn substrekas la gravecon de IFEF kaj diversajn manierojn influi ĉe UEA, ĉefe por ke en ĝi estu respondeculo pri la fakaj kategorioj. La Vp relanĉos la temon en Seulo.

Raporto unuanime aprobita.

**15.2 FISAIC**

La Ks substrekas la bonegan situacion en FISAIC, kie provizore oni uzas Esperanton kiel trian laborlingvon, laŭ la propono de s-ro Marcel TRUEL (F), por aldonaj 3 jaroj. S-ro George Wallerand (F) jam funkcias kiel Ĝenerala Sekretario. S-ro Pierre Robiolle ricevis "Oran Medalon".

Raporto unuanime aprobita.

**16. Venontaj kongresoj**

**16.1 Konfirmo invito al la 47 IFK (H) 1995**

Unuanima aprobo pri la elekto de Pécs (H), 20-26.05.1995.

**16.2 Elekto de lando por 1996**

S-ro Bultman (NL) invitas, eble al Hago, por 1996. La k-o unuanime aprobas la landon. La postkongreso eble estos en Belgio.

**16.3 Diskuto pri pluraj eblecoj**

El Slovakio venas invito al Košice por 1997. El Slovenio venas invito al Portoroz por 1997 aŭ 1998. El Danio estas sugesto por la 50a Jubilea IFK. La k-o aprobas provizore.

**17. Venontaj IFES 1995 kaj 1996**

S-ino Birkbak (DK) klarigas kaj varme invitas al la 36a IFES, en Aŭstrio, 18-25.03.1995. La k-o unuanime aprobas.

Estas propono de d-ro Chrdle por norda Moravio, 18-24.02.1996. La k-o aprobas provizore.

**18. Eventualaĵoj**

La Vp ne havas argumentojn kaj donas la parolvicon al petantoj.

S-ro De Bruyne demandas kial IFEF ne havas "foto servo"-n kaj "video servo"-n. Li proponas ke estu "Komisiito por videobendado" kaj pretigo kaj vendo de kasedoj por la IFEF-kaso. S-ino Horst-Kolinska petas eblecon kaj anoncas la prezenton de io interesa por la instruado en la programero "Movadaj Aferoj".

**19. Libera diskutado**

Ne estas peto pri tio.

Fine de la traktindaĵoj, Vp Gulyás fermas la kunvenon, dankante ĉiujn pro la atento kaj kontribuo.

Bologna, 28.06.1994.

Protokolis: Sk Romano BOLOGNESI

## Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 1993

La resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar Bulgario - malgraŭ skriba atentiga alvoko - ne sendis jarraporton. Pro tio mi uzas la pasintjarajn indikojn de Bulgario.

La ricevitaj unuopaj jarraportoj de la landaj asocioj ampleksas inter unu kaj ok paĝoj. La raportoj el Belgio, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Italio, Hispanio, Hungario, Norvegio, Slovakio kaj Svisio estas ekzemplodone ampleksaj. Ili donis detalajn raportojn kaj klarigojn.

Ekzamenínte la jarraportojn de la landaj asocioj mi konstatis, ke en du landoj estas grandaj malfacilaĵoj:

El Estonio alvenis letero anstataŭ jarraporto. Mi citas kelkajn frazojn el la letero, kiun subskribis la prezidanto s-ro Koppel: "Estonia Landa Esperanto-Asocio ankoraŭ ne ekzistas. Funkcias Fervojista Esperanto Sekcio en tallina Esperanto-klubo, kaj ni agas laŭ programo de la klubo. Ĵus nian laboron malhelpas la 50jara okupado. Malfacilaĵoj estas politikaj kaj financaj. Multaj interrilatoj kun multaj landoj postulas de la homoj lerni anglan, svedan kaj finnan lingvojn. Lokaj rusoj devas lerni estonan lingvon. Forta bato al nia sekcio estis ankaŭ la forpaso de nia forgesebla Johannes Palu". Do la estonaj fervojistaj esperantistoj havas multajn problemojn. Tio estas ne nur simple ĉagreniga afero, sed atentiga.

El Britio mi ricevis lakonan kaj zorgodonan jarraporton, en kiu Ray Exley skribas la jenon: "La landa asocio havas nur 14 membrojn. Bedaŭrinde la fervojgrupo ne funkcias. Estas tre malfacile kun 78% emerituloj". Mi pensas, ke inter la britaj fervojistaj esperantistoj videblas ĝeno kaj angoro. Mi esperas ke ili trovos trankviligan solvon per la ŝatata Esperanto por la Esperanto-movado.

1. **La landaj asocioj**

   Ĉiu landa asocio havas estraron. La nombro de estraranoj varias inter tri kaj dek unu membroj.

   La membraro de la landaj asocioj nombras 3940, kio estas 47 malpli ol dum la antaŭa jaro. Tio signifas ke la malkresko de la membraro de IFEF malrapidiĝis.

   La landaj asocioj raportas pri 1596 IFEF-membroj, kio estas 73 membroj malpli ol dum la antaŭa jaro. En IF 1994.2 sur paĝo 24 estas skribita 1787 IFEF-membroj. Kompreneble tiu indiko enhavas la individuajn membrojn de IFEF. Tamen mi kontrolis la diferencojn kaj mi konstatis, ke kelkaj landaj asocioj kalkulas pli malmultajn membrojn ol la IFEF-estraro. Ekzemple Britio anoncis anstataŭ 30 nur 14, Ĉeĥio anstataŭ 83 nur 37, Danio anstataŭ 65 nur 40, Germanio anstataŭ 461 nur 346, Jugoslavio anstataŭ 60 nur 40 membrojn. Kelkaj landaj

asocioj kalkulas pli multajn membrojn ol IFEF. Ekzemple Aŭstrio anoncis anstataŭ 83 jam 127, Nederlando anstataŭ 26 jam 37 membrojn. Mi pensas, ke tiuj diferencoj estas pro jarŝanĝo, kaj pro la diferenco de enpagitaj kotizoj. Mi proponas kontroli denove tiujn indikojn kaj la landaj asocioj kaj la estraro de IFEF.

El la membraro de IFEF estas 962 emerituloj, kio estas 55%, kio estas 7% malpli ol dum la antaŭa jaro.

Laŭ la raportoj en 18 landoj troviĝas 130 lokaj grupoj, 20 grupoj pli ol dum la antaŭa jaro.

Se mi ekzamenas la tutan indikon, mi povas konstati esperigan ŝanĝon. La malpliiga tendenco de la membronombro de IFEF malrapidiĝis, la nombroj de la emerituloj malkreskis, kaj tiuj tendencoj donu al ni esperon.

2. **Landaj organoj. Kontakto kun IFEF-redakcio**

14 landaj asocioj havas propran organon. Inter ili Danio, Francio, Nederlando 11foje, Aŭstrio, Britio sesfoje, Ĉinio, Germanio, Italio, Hispanio, Hungario, Jugoslavio, Norvegio kaj Svisio kvarfoje, Japanio unufoje aperigas ĝin.

Britio, Danio, Hungario kaj Nederlando aperigas la propran organon pure en Esperanto.

Laŭ la raportoj de la landaj asocioj en dek landoj havas spacon en aliaj organoj aperigi artikolojn, entute proksimume 120 paĝoj.

Ĉiu landa asocio – escepte de Kroatio kaj Slovenio – havas respondeculon pri kontakto kun la IF-redakcio.

3. **Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj**

Britio, Finnlando, Japanio kaj Rumanio raportas, ke ili ne havas rilatojn al fervojaj administracioj. 16 landaj asocioj ricevas aŭ financan apogon, aŭ aliajn helpojn, ekz. senpagan ejon por klubkunvenoj, helpon al aranĝoj, senpagajn biletojn por veturi al la kongresoj ktp.

La klarigoj de la oficialaj horarlibroj troviĝas ankaŭ en Esperanto en Ĉeĥio, Danio, Hungario, Norvegio kaj Pollando. En Jugoslavio aperas la klarigoj en Esperanto en la internacia eldono. Kelkaj landaj asocioj raportas pri esperigaj pritraktoj por aperigo de la klarigoj en Esperanto, ekz. en Italio, Rumanio, Slovakio, Slovenio kaj Svisio.

Laŭ la raportoj 15 landoj havas bonajn rilatojn al FISAIC-organizaĵo. El ili 13 landaj asocioj raportas pri financa kaj alia subteno de FISAIC, kaj en 11 landoj havas funkciojn ĉe la landa organizaĵo de FISAIC kiel estraranoj aŭ aliaj funkciuloj.

Ĉi tie mi mencias, ke en 1993 okazis estrarkunsido de FISAIC en Helsingborg (S), kie la delegitoj denove balotis pri Esperanto, kaj akceptis ankoraŭ por tri jaroj la Esperanto-lingvon kiel trian oficialan lingvon de FISAIC.

Dek unu landaj asocioj havas rilaton kun la landaj sindikatoj. El ili sep landoj raportas pri modestaj subvencioj aŭ aliaj helpoj de la sindikatoj.

Dek ok landaj asocioj kunlaboras kun turismaj, libertempaj, filatelistaj, sportaj, radioamatoraj kaj aliaj kulturaj organizaĵoj por fervojistoj.

Naŭ landoj havas rilatojn al nefervojistaj organizaĵoj. Tiuj estas verduloj, poŝtistoj, medicinistoj, instruistoj, naturamikoj, pacemuloj ktp.

4. **Kunlaboro. Rilatoj kun aliaj esperantistaj organizaĵoj**

Dudek unu landoj havas rilaton kun landaj asocioj de UEA, nur Britio kaj Nederlando ne havas kontaktojn. Naŭ landoj havas rilatojn kun SAT-organizaĵoj.

Dek kvin landaj asocioj havas kontaktojn, ekz. kun landaj Esperanto-asocioj, najbaraj IFEF-Asocioj, Esperanto-institutoj, Inter-

nacia Esperanto-Muzeo, Flandra Esperanto-Ligo, Eŭropa Brusela Grupo, Esperanto-Centro Paderborn, Kultura Esperanto-Asocio, Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), Mondpaca Esperanto-Movado (MEM), Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA), Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio (IPTEA), Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (IKUE), ktp.

5. **Informado kaj varbado**
Dek sep landaj asocioj raportas pri tio, ke ili instigis aperigi artikolojn en gazetoj. Inter ili Italio raportas pri plurdekaj, Danio 20, Germanio 12, Norvegio kaj Ĉeĥio po 10 diversaj tagaj kaj semajnaj gazetoj kun multnombraj artikoloj. Tiuj aperis ĉefe en fervojaj fakaj revuoj, multaj en lokaj gazetoj eĉ en televido kaj radio.

Dek kvin landoj dissendis priesperantajn informmaterialojn, unufoliajn kaj plufoliajn broŝurojn kaj informilojn, eĉ afiŝojn. Inter ili Italio pli ol 7000, Francio 2000, Danio kaj Germanio pli ol 600 paĝojn dissendis al Esperanto-kluboj, lernejoj, vojaĝagentejoj, deĵorejoj, sindikatoj, fervojistaj entreprenoj, stacioj, institucioj, ministerioj, fervojdirekcioj, preĝejoj, ekspozicioj ktp.

En 12 landoj okazis pli ol 100 fakprelegoj, plejparte pri la fervojaj novaĵoj, teknikaj evoluoj, pri IFEF-, UEA- kaj aliaj Esperanto-kongresoj, pri ekskursoj, pri la Fervoja Terminaro ktp. Tiu indiko estas ĝojplena por ni.

En ok landoj okazis prezentadoj, sciigoj kaj intervjuoj en radio-programo, plej multe en Hungario, Italio kaj Norvegio. Ankaŭ okazis prezentadoj en la programo de televido en Italio, Pollando, Slovenio kaj Svisio.

9 landaj asocioj aranĝis ekspoziciojn entute en 21 urboj, kiujn vizitis ĉ. 25000 interesiĝantojn.

Dek du landoj raportas pri informado en la deĵorejoj, kaj dek ses landaj asocioj uzis aliajn metodojn por informi pri Esperanto, aŭ varbi novajn membrojn. Tiuj okazas per murgazetoj en la stacidomoj, informkestoj en la deĵorejoj, informoj en gazetoj kaj ĵurnaloj, deĵoraj radioj, afiŝoj, broŝuroj ktp.

6. **Kunvenoj, kursoj ktp**
Ĉiuj landaj asocioj aranĝis estrarkunsidojn - escepte de Britio, Finnlando kaj Japanio - entute 115. La ĉefaj temoj de la kunsidoj estis financaj, administraciaj, organizaj, movadaj, fakaj kaj kongresaj aferoj.

En dek sep landoj okazis entute 350 membro-kunvenoj ĉe la fakgrupoj de la landaj asocioj, kaj ĉeestis entute ĉ. 4000 personoj.

Entute 44 memstarajn lingvokursojn aranĝis la landaj asocioj, en 18 landoj. La nombro de kursanoj entute estis 480. Ĉe la kursoj elstaris Francio kun 120, Italio kun 50, Ĉinio kun 46 kaj Rumanio kun 40 kursanoj. Kelkaj landaj asocioj raportas pri aliaj edukaj aktivecoj, ekz. pri telekursoj, videofilmoj, korespondaj kursoj, konversaciaj rondoj.

En dek naŭ landoj aranĝis la fervojistaj esperantistoj jarkunvenon. Ĉeestis entute 750 enlandaj kaj 61 eksterlandaj partoprenintoj. Inter ili en Hungario dufoje okazis jarkunveno, kie partoprenis 120 enlandaj kaj 10 eksterlandaj ĉeestintoj. Oni faris multe da fakprelegoj, ekskursoj kaj aliaj prezentadoj.

Kvar landaj asocioj aranĝis en 1993 internacian fervojistan Esperanto-renkontiĝon. En Svisio okazis la 34a IFES en Hasliberg kun 42 personoj el 10 landoj.

La francaj fervojistaj esperantistoj aranĝis la jarkunvenon de UAICF.

En Danio okazis la Nordiaj Kulturaj Tagoj dum 3 tagoj kun 30 partoprenintoj el Norvegio, Svedio, Rumanio kaj Danio.

En Dobřichovice (Ĉeĥio) okazis la renkontiĝo de Terminara Komisiono de IFEF. Ankaŭ en Ĉeĥio estis Sciencteknika Seminario pri trakpasejaj instalaĵoj, kie partoprenis 136 fakuloj el kelkaj landoj.

7. **Kongresa gazetara servo.**
**Fakprelegoj dum la kongresoj**
Dek sep landaj asocioj uzis la oficialan materialon de la gazetara servo de la 45a IFK, ĉefe por verki detalajn raportojn al diversaj instancoj, por prelegi en la Esperanto-kluboj, por raporti al sindikatoj kaj landaj FISAIC-organizcj, por raporti al ĉiutagaj gazetoj, por diskonigi inter la membroj de landaj asocioj .

Dek kvin landoj povis uzi bone kaj utile la kongresajn fakajn prelegojn. Multe da landaj asocioj tradukis tion al la nacia lingvo, kaj sendis al la fakaj nacilingvaj gazetoj.

Bedaŭrinde Ĉinio kaj Jugoslavio ne havas tiun materialon kaj ili petas ĝin.

8. **Junularo**
Dek kvin landaj asocioj raportas pri la gejunuloj. Tiuj landoj hvas entute 270 gejunulojn, bedaŭrinde ok landoj ne havas gejunulojn, inter ili Aŭstrio, Germanio, Kroatio, Nederlando kaj Svisio. Nur en Ĉinio ekzistas du junulgrupoj.

En 1992 en sia membraro de IFEF 220 estis gejunuloj sub la trideka vivjaro. La nuna nombro montras minimuman kreskon sed bedaŭrinde nur kelkaj landoj havas pluajn gejunulojn, en multaj landoj malkreskis la membro-nombro de la gejunuloj.

Multe da landaj asocioj daŭre varbas, agitas kaj eluzas la okazon certigi novajn rilatojn dum la kongreso kaj renkontiĝoj. Ili klopodas aranĝi speciale allogajn eblecojn kaj aferojn por sindediĉi al nia movado.

Nia ĉefa tasko esti flue serĉi kaj varbi gejunulojn, fari propagandon pri Esperanto.

9. **Terminara kaj traduka laboro**
Dek ses landaj asocioj laboras sur la tereno de terminara kaj traduka laboro. Ĉeĥio, Germanio, Italio, Hungario raportas pri la kunagado de la pretigo de LG-V.

Ok landoj raportas pri la traduko de la "Fervoja Terminaro de Esperanto" en la nacian lingvon. Ĉeĥio, Danio kaj Slovakio flue, sed malrapide laboras je la preparo de la nacia Fervoja Terminaro. En Italio la traduko de Fervoja Terminaro finiĝis, kaj ili planas presigi tion en la nuna jaro. La jugoslavaj fervojistaj esperantistoj jam tradukis la Fervojan Terminaron en serban lingvon, kaj ĝi aperas kiel speciala eldono en la faka revuo "Železnice". Norvegio celas fini la tradukon de la Terminaro en 1994. En Pollando la Fervoja Terminaro jam estas tradukita. Ĝis la fino de la pasinta jaro en Rumanio estis tradukitaj proksimume 4000 esprimoj, kaj ili planas traduki la tutan Terminaron en 1994.

La Germana kaj Hungara Nacia Vortaro jam aperis.

La ĉinaj kolegoj kompilis Fervojan Terminaron en Esperanto, angla kaj ĉina lingvoj. Ĝi enhavas pli ol dek mil terminojn.

Pri la tradukoj kaj aperigoj de fakaj artikoloj raportas naŭ landaj asocioj . Inter ili mi devas aparte mencii la francajn fervojistajn esperantistojn, kiuj flue tradukas en Esperanto la tutajn dokumentojn de FISAIC.

10. **Ekonomio**
Ekzamenante la asociajn kasojn pri 1993, ses landaj asocioj - Belgio, Danio, Finnlando, Hispanio, Nederlando, Norvegio - raportas pri deficito, Hungario, Ĉinio, Japanio kaj Svisio parolas pri gajno. Por la slovenaj fervojistaj esperantistoj la elspezojn pagis Slovenaj Fervojoj. Slovakio vivtenas sin ĉefe el donacoj de siaj anoj.

Bedaŭrinde 11 landaj asocioj ne raportas pri tiu temo.

11. **Diversaĵoj**
En Aŭstrio la fervojistaj esperantistoj dum la tuta jaro forte laboris pri la preparo de 46a IFEF-kongreso.

En Belgio nun tri personoj laboras aktive. Ili havas multe da ideoj plibonigi la Esperanto-laboron, sed mankas la laborfortoj.

En Britio la Esperanto-movado ne funkcias, la fervojgrupo malgrandiĝas.

En Ĉeĥio dum aŭgusto estis transdonita biblioteko de inĝ Řebiček al la urba muzeo Česka Třebová, kie oni sukcesis fondi konstantan Esperanto-ekspozicion. La biblioteko estas parto de tiu ĉi ekspozicio.

Ĉinio raportas pri la traduko de prelego de J.Giessner, kaj pri la diskuto de tiu temo. Multaj gastoj vizitis ilin, kaj en la urbo Huhhot okazis konsido por memori la 134an datrevenon de la naskiĝtago de Zamenhof.

Danio raportas ke la intereso por lerni Esperanton ĝenerale kreskas, eĉ estas komenciĝanta intereso ĉe junuloj.

Finnlando esperas, ke la 80a Universala Kongreso en Tampere - okazonta en 1995 - vigligos la aktivecon de esperantistoj en Finnlando.

En Francio la membraro iomete malkreskis, sed la francaj fervojistaj esperantistoj vigle agadas, kaj ili provos plu plibonigi la situacion en 1994.

En Germanio la ĝenerala Esperanto-movado evidente stabiliĝis. Regule oni organizas krom la Germanan Esperanto-kongreson apartajn aranĝojn por la "dua aĝo", por familianoj, kaj ĉefe por gejunuloj. En GEFA la malagrabla situacio ne ŝanĝiĝis. La privatigo de la du germanaj fervojoj ne taŭgas por "ne vivnecesaj" okupoj.

En Hispanio la Hispana Fervojista Esperanto-Societo estas la plej aktiva kaj multnombra. Estas organizitaj kursoj ĉefe por la komencantoj, kaj la intereso pri Esperanto kreskas. Tre populariĝis la monataj ekskursoj, kie partoprenis pli ol 50 klubanoj. Ili kunlaboris en la organizo de la antaŭkongreso de 78a Universala Kongreso.

Hungario havas apartan oficejon por la landa asocio en la sidejo de Generaldireksido de MÁV. La Hungaraj Ŝtatfervojoj finance subtenas la laboron de la asocio. Dek fakgrupoj funkciigas propran Esperanto-bibliotekon, entute kun tri mil volumoj. En du urboj funkcias Esperanto-radioamatoraj stacioj.

Italio dum la 45a IFEF-kongreso sukcesis akiri grandajn avantaĝojn, ĉar ili povis inaŭguri tri ZEO-jn: placon en Cervia, ŝtuparon en Predappio, straton en Venezia.

En Japanio daŭre aktivadas la nove fondita organizo por junuloj, kies nomo estas: Japana Esperantista Junularo. Ili organizas komitaton por prepari aliĝon al TEJO. La landa asocio de IFEF esperas, ke el ili kelkaj venos al la fervojo.

El Jugoslavio la socipolitika kaj ekonomia situacio ne pliboniĝis en 1993. Tio influas negative ankaŭ Esperanto-movadon ĝenerale, respektive ĉe la fervojo. Tamen ili sukcesis eldoni bultenon, eĉ fondi novan societon en la marborda urbo Bar.

En Kroatio la aktiveco de la societo ne atingis ankoraŭ bezonatajn kondiĉojn por disvastigi la programojn, kiujn ili daŭre planadas.

En Nederlando la situacio restis la sama kiel en la antaŭaj jaroj. Tamen la fervojistaj esperantistoj diligente laboras por 1996, kiam okazos tie la 48a IFEF-kongreso.

En Norvegio la ĝenerala situacio iomete pliboniĝis kaj por Esperanto ĝenerale kaj inter fervojistoj. Rolf Bergh, Per Johan Krogstie kaj Per Engen ricevis la ordenon "Pro merito" de Norvega Esperantista Ligo.

Pollando plendas, ke la situacio de la Esperanto-movado, kaj agado de la klubo ne estas bonaj, kaj daŭre malkreskas la aktiveco.

En Slovakio la ekonomia situacio estas tre malfavora. Multaj ĝisnunaj fervojistoj aŭ perdas laboron tute aŭ forlasis la fervojon. La laboro de la sekcio orientiĝos al pli malmultaj agadoj, sed pli efike. La membro-nombro de SEA kompare kun ĝisre-

voluciaj tempoj malaltiĝis preskaŭ je du trionoj.

Slovenio fondis la Fervojistan Esperanto-Societon la 12an de decembro 1992, kaj ili nun klopodas solvi la ekonomiajn kaj movadajn problemojn.

En Svisio mankas tiuj fervojistaj esperantistoj, kiuj pretas aktive kunlabori. Plimulto de la membraro rigardas post pago de la jarkotizo plenumita la asocian devon. Kelkaj personoj klopodas progresigi la asocion, labori kaj agadi multe, sed mankas kaj la forto kaj la tempo. Posteuloj ne estas videblaj.

## 12. Fina komentario

Laŭ la raportoj de la landaj asocioj mi povas konstati.

- en Britio, Estonio la situacio estas katastrofa,
- en kelkaj landoj - pro la malbona ekonomia kaj politika situacio, eĉ milito - ankaŭ havas malfacilaĵojn la fervojistaj esperantistoj,
- la grandaj kaj rapidaj ŝanĝoj en la fervojaj organizoj, privatigoj, ne dungado de junaj fervojistoj ktp en kelkaj landoj malhelpas la Esperanto-movadon,
- en kelkaj landoj - malgraŭ la bona ekonomia situacio - mankas la aktiveco inter la fervojistaj esperantistoj,
- dank' al Dio, ke en kelkaj landoj kreskas la membro-nombro, la fervojistaj esperantistoj aktive agadas sur la tereno de fervojista Esperanto-movado.

Laŭ mia opinio okazis io sur la tereno de la fervojista Esperanto-movado. La plej granda problemo dum la lastaj jaroj estis la malkresko de la membro-nombro.Tiu tendenco malrapidiĝis, kaj kelkaj esperigaj aperaĵoj montriĝas sur la horizonto. En multaj landoj vigliĝas la Esperanto-agado, kaj ni havas multajn pozitivajn rezultojn.

Finante la resumon de la jarraportoj, refoje mi alvokas vian atenton al la junigo, renovigo de la fervojista Esperanto-movado. Ni bezonas refreŝigon! Ni ĉiuj devas streĉe kaj fiue labori por tiu celo, por Esperanto.

Budapest, la 10an de majo 1994

István Gulyás
vicprezidanto de IFEF

---

**FERVOJA KORESPONDA SERVO**

S-ro Germano GIMELLI, Via Creti 61,

I-40128 BOLOGNA, Italio.

Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu se eble internacian respondkuponon. Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Italio.



## Nova telefonnumero

### de la IFEF-kasisto

Bonvolu noti, ke Erna kaj Henning Hauge, Banegårdspladsen 14, DK-9700 BRØNDERSLEV, havas nun
**telefon- kaj faksnumeron +45 98 80 15 99.**

## Nekrologo

Je la 30a de junio 1994 forpasis nia ŝatata ekskolego kaj eksestrarano

**Berend POSTHUMUS**

en la aĝo de 78 jaroj.

Konvinkita esperantisto li estis membro de FERN ekde 1948, kaj ekde 1968 dum multaj jaroj estrarano de FERN. Li ĉiam alportis novajn ideojn aŭ iniciatojn. Li ankaŭ estis tre aktiva kiel prezidanto kaj sekretario en nia grupo UNFEG en Amsterdamo.

Kune kun la edzino li vizitis multajn IFEF-kongresojn aŭ aliajn Esperanto-aranĝojn kaj oni povas diri, ke tia simpatia persono estis ŝatata gasto. Li ĉiam helpis en la organizado de FERN-jarkunvenoj kaj en la rendevu-vesperoj en Amsterdamo. Bedaŭrinde dum la lastaj jaroj la sanstato malhelpis al li partoprenadon en niaj kunvenoj.

Niajn kunsentojn ni dediĉas al la edzino Henny kaj al la infanoj kaj genepoj. Li ripozu en paco.

Kara Berend, ni neniam forgesos vin!

FERN-estraro

## Forpaso

S-ro HAPPI Séraphin, la patro de Hilaire HAPPI-FOSSO, forpasis vendredon la 12an de aŭgusto 1994 en sia 74a jaro en DOUALA (Cameroun).
IFEF elkore kondolencas.

## Invito al la 36a IFES

Al skiantoj kaj aliaj montemuloj:

Eble vi momente ferias ĉe banstrando kaj ĝuas varman sunon. Do, certe nun estas la momento por pripensi la vintron kun - espereble - bela, blanka neĝo, kaj en kunesto de gajaj amikoj.

La venonta, 36a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno okazos en la bela regiono de Hochkönig, Aŭstrio. Tie la partoprenantoj dum la 12a semajno de 1995 (18.03-25.03) loĝos en komforta hotelo Mühlbackerhof.

Vi, kiuj jam estis tie, scias ke estas luksa hotelo kun tre helpema estra paro. Kaj vi, kiu venos por la unua fojo: certe vi ne bedaŭros.

Pri la neĝo oni ne povas garantii, sed se ni ĉiuj esperas, kaj se ĉiuj kunportos bonan humoron, ni certe havos belan semajnon.

La restadkostoj estas po 2150 danaj kronoj (DKK), kaj tiu sumo kovros la tranoktadon kun maten- kaj vespermanĝo.

Ni sugestas, ke vi de la unuopaj landoj **kune** sendu la monon por eviti tropagon de afranko k s al la poŝto.

Antaŭpago estas po 500 DKK, kaj tiu sumo - kaj la aliĝilo - devas esti antaŭ la 1a de novembro 1994 ĉe s-ro Jan Niemann, Edvard Munchsvej 9, DK-3000 Helsingør. Dana poŝtĝirkonto 935-3240 (pripensu, ke la dana poŝto forprenos 15 DKK el ĉiu ĝirado el eksterlando). Elkore mi rekomendas partoprenon!

Astrid Birkbak

## Fakdelegitoj de UEA pri fervojoj

Aperis la Jarlibro 1994 de UEA. IFEF estas menciita sur paĝo 60, kaj lige al la - konciza sed boninforma - priskribo estas metita nia emblemo. Gratulon al la kompilinto.

Denove mi povis kalkuli la fakdelegitojn pri fervojoj, kaj la rezulto estas la sama kiel pasintjare: 59 fakdelegitoj en 54 urboj, sed nun en 19 landoj.

Germanio estas ĉe la pinto por 17 FD, sekvita de Hungario per 9 kaj Italio per 6.

Po 3 havas Belgio, Ĉinio, Danio kaj Norvegio. Po 2 Aŭstrio, Britio kaj Francio.

La ceteraj landoj havas po 1 fakdelegiton. Interese estas, ke inter ili troviĝas Brazilo, Hindio kaj Nov-Zelando.

Ĉu venontjaro eblos raporti pri progreso?

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1994.5
46a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
E Henning Olsen,
Åderupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel + fakso +45 53 72 73 77.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso 45 98 80 15 99.
**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 20.10.1994

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S

## Pola Jarkongreso

En pitoreska montaro Bieszczady en Ustroń-Jaszowiec ekde la 30.09.94 ĝis la 02.10.94 okazos la 11a Kongreso de Polaj Fervojistoj-Esperantistoj. En la programo estas interalie: promenado en montaro kaj balo. Eksterlandanoj pagas 40 DEM (surloke).

Aliĝilojn bonvolu sendi kaj informojn peti ĉe s-ino Maria Fedorowicz, ul Sikorskiego 30/63, PL-40-273 KATOWICE. Ni invitas kore ĉiujn volontulojn.
Kun esperantaj salutoj , Janina Wereszka.

## La 79a Universala Kongreso de Esperanto

okazis inter la 23a kaj 30a de julio en la ĉefurbo SEULO de Korea Respubliko. Vicprezidanto de IFEF, inĝ István Gulyás partoprenis kiel komitatano 'A' de IFEF. Pri la fervojista kontaktkunveno li raportis jene:

El inter la fakaj kunsidoj ni fervojistoj faris la Fervojistan Kontaktkunvenon. Tie kolektiĝis 31 gekolegoj el 12 landoj. Vicprezidanto de IFEF gvidis la kunvenon, detale konigis la organizaĵon IFEF kaj raportis pri la 46a IFK okazinta en Krems. Tiujn raportojn la vicprezidanto transdonis al s-ro István Ertl - kiu estas la redaktoro de la revuo Esperanto - por aperigo en tiu revuo.

Post la malferma parolo sekvis du fakprelegoj: unue d-ro Imre Ferenczy, prezidanto de UMEA, prelegis pri la preventa sanitara agado inter fervojistoj; due István Gulyás parolis pri la fervoja tunelo inter Britio kaj la Kontinento. Poste la fervojistoj pridiskutis i a la zorgadon pri la junularo, la fervojistajn skisemajnojn, la venontjaran IFEF-kongreson, kaj la privatigon de la fervojoj, kiu kaŭzas problemojn por la fervojista Esperanto-movado. Kelkaj partoprenantoj tuŝis la temon de la kunlaboro inter la fakaj asocioj kaj precipe kun UEA. Ĝojiga evento estis, ke dum la kunveno hinda kolego aliĝis al IFEF kiel individua membro. Bedaŭrinde ne ĉeestis korea fervojisto. ■

